# Esperanto en Azio

Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio

n-ro 12

1993-2
aŭgusto 1993

**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / rok 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

*e n h a v o*


- *projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D <koncize>* ........ 2
- *saluto de la eldonanto* ........ 2

*1 Kiel fartas nia movado en Ĉinio?* ........ 2
*1.1 Nuna Ĉinujo, Sopitalismo* ........ 2
*1.2 Esperanto-movado en sopitalismo* ........ 4
*2 Raportoj* ........ 7
*2.1 raporto pri Kamboĝo* ........ 7
*2.2 Mia vojaĝo en Meza Azio* ........ 9
*2.3 Esperanto-movadoj el vojaĝoj en la azia parto de Rusio kaj en Meza Azio* ........ 12
*3 Raportoj* ........ 12
*3.1 Esperanto-movado en Shandong Universitato, Ĉinio* .. 14
*3.2 Esperanto-movado kunligita kun la movado por demokratio en la 40aj jaroj en Chengdu, Ĉinio* ........ 17
*3.3 Esperanto-movado en Sudorienta Azio* ........ 21
*4 Kontribuoj* ........ 24

- *parolas la redaktantoj* ........ 24

## • *projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

## •*saluto de la eldonanto*

Karaj legantoj,

mi pardonpetas de multaj legantoj, kiuj skribis al mi dum 6 monatoj, pro tio ke mi ne povis respondi. Lastatempe 2 monatojn mi restis en Oceanio kaj aliajn 3 monatojn en Ĉinujo. Kaj dum la somera ferio mi ankoraŭfoje vojaĝos al UK kaj aliaj, pro kio mi ne povas skribi respektivajn respondojn al ili. Sed nepre necesajn mi respondos en septembro. Bonvole de nun rekte turnu vin al la redaktejo de "Esperanto en Azio", se vi havas iajn rilate al Esperanto en Azio.

Dum mia vojaĝo en Ĉinujo multaj samideanoj demandis pri maniero de vojaĝo al Koreujo en UK '94. Mi intencas verki iom detalajn pri la vojo kaj kosto en venonta numero de EeA. En la venonta numero eble vi povos legi ankaŭ pri la rezulto de diskuto en Azia Agado.

*prof. d-ro SO Gilsu*

# *1. Kiel fartas nia movado en Ĉinujo?*

## *1.1 Nuna Ĉinujo, Sopitalismo*

'SIAHAJ' estas la nova termino, kiun oni devas scii por kompreni nunan Ĉinujon kaj ankaŭ Esperanto-movadon en Ĉinujo. SIAHAJ signifas origine 'ĵeti sin en maron', sed

nun en Ĉinujo la vorto estas uzata en la socio por tute nova signifo.

Por kompreni la novan terminon 'SIAHAJ', ni devas unue kompreni ankoraŭ alian vorton 'DANWEI'. La vorto origine signifas 'unuo'-n, sed ĝi estas uzata kiel pli konciza senco 'unuo de laborejo'. En la socialismo la (laborejo)unuo estis tre grava. La ŝtato disdonas laboron al ĉiuj, kiuj atingas difinitan aĝon, kaj la unuo donas al laboristoj ĉion: salajron, domon, socian bonon kaj aliajn. La unuo estis edeno, kie oni ĝuas minimumajn sekurecon, trankvilecon kaj pacon, tute egale ĉu oni diligente laboras aŭ ne. Kompreneble oni rajtas memvole forlasi la edenon. En la nova socialismo ĉio ŝanĝiĝis. La unuo jam ne estas edeno. Ŝtato donas nur minimuman salajron, kaj aliajn unuoj mem devas solvi. Ĝenerale unuoj konsistas el tro multe da anoj, pro kio la produktiveco de unuoj malaltiĝas. Nun oni rajtas forlasi la unuon, kaj unuoj mem povas eksigi. Unuoj tamen ne povas maldungi superfluajn laboristojn ol sia kapacito, ĉar tiam okazos neimagebla socia katastrofo. Kaj nun multaj unuoj rekomendas al siaj laboristoj memeksiĝi aŭ provizore eksiĝi.

Nun multaj kuraĝaj ĉinaj laboristoj forlasas la edenon, kaj ekkomercas, kio signifas, ke ili devas fordoni siajn rajtojn pri la loĝejo kaj salajro, kaj sekurecon, trankvilecon kaj pacon. Tio estas 'SIAHAJ'. Ili forkuras el sekura domo, kaj 'sin ĵetas en maron' de konkurenco, kaj se ili sukcese naĝas, fariĝas nekompareble riĉaj, dum multaj, kiuj ne kapablas bone naĝi kaj endronas.

SIAHAJ furoras en la tuta Ĉinujo, kion pruvas la diro: "80 % de la popolo estas komercistoj, kaj aliaj 20 % atendas la ŝancon komerci". Fakte multaj homoj sukcesas en la komerco, kaj gajnas monatan salajron en unu tago, kion ĉiuj deziras kaj envias. En nuna Ĉinujo aperas multaj riĉuloj, kio grandigas la distancon inter riĉuloj kaj malriĉuloj. Novajn riĉulojn oni nomas 'TAKŬAN', kiu devas posedi jam 10 milionojn da ĉinaj juanoj ( 1,000,000 usonaj dolaroj, fakte milionulo en dolaroj). La normo venas el jenaj diroj:

La familio kun 10,000 juanoj (mil dolaroj) apartenas al malriĉaj familioj,

100,000 juanoj estas ekpaŝo al riĉulo,

1,000,000 ulojn oni ne enkalkulas en riĉulojn,

nur 10,000,000 estas riĉulo, kiun oni nomas 'TAKŬAN'

Ankoraŭ nun multaj laboristoj en edenoj ricevas 200 - 300 juanojn da monata salajro, al kiuj ŝpari estas absolute neeble en tiel mortiga inflacio. Ĉu vere troviĝas 'TAKŬAN'-oj en Ĉinujo? Jes, Ĉinujo nun tiel ŝanĝiĝas. Min mirigis la fakto: Pekina Branĉo de Ĉina Banko festis la atingon de deponsumo al 1 miliardo da usonaj dolaroj. La sumo estas nur tiu de deponita en eksterlanda valuto (en Ĉinujo oni rajtas libere deponi eksterlandan valuton).

Ne nur individuoj, sed ankaŭ laborejo-unuoj SIAHAI-as. Ni facile komprenas, ke entreprenoj investas por produktado, sed nun en Ĉinujo kulturaj kaj edukaj laborejo-unuoj ankaŭ investas por komerco kaj entrepreno: registara orkestro de iu provinco jam antaŭ

kelkaj jaroj malfermis dancejon kaj drinkejon por publiko, kaj lastatempe ili vendis la grundon de sia sidejo al eksterlanda investanto por konstrui magazenon, kondiĉe ke la investanto donas duonon de la magazeno al la orkestro post ls finkonstruo. Iu mezlernejo havas farmacian fabrikon. JB Universitato administras restoracion, dancejon, kantejon kaj hotelon. La universitato havas 3000 studentojn (plus 3000 vesperaj kaj korespondaj studentoj) sed ili havas 1500 personojn kaj laboristojn. Registaro donas al la profesoroj kaj oficistoj nur minimuman salajron, per kiu ili ne povas vivteni, kaj la universitato devas mem solvi la problemojn de loĝejo, senlaboreco kaj kostoj por sano ktp. Armeo ankaŭ SIAHAJ-as. Oni ofte povas vidi sur stratoj soldatojn, kiuj vendas produktaĵojn de sia trupo, aŭ kiuj laboras por konstrui magazenojn per armeaj maŝinoj. Aerarmeo flugigas armean transportaviadilon inter Pekino kaj sia aerdromo por publiko.

SIAHAJ ondegas en la tuta lando, kaj neniu alia povas konvinki la solan celon, nome, gajni monon. Mi neniam ĝis nun vidis eĉ en kapitalismaj landoj la fakton, ke registaro baras vojon kaj kolektas monon por rekonstrui la vojon, kaj ke vilaĝanoj baras vojon por kolekti monon de pasantaj aŭtomobiloj por ripari la vojon. Post la konstruado de ŝoseo aŭ pontego oni povas pagigi, sed konkurenca socialismo pravigas pagigi ĉion al uzintoj. Nun en la nova socialismo la mono estas vera dio, kaj tion tre konvinke diras la ĉinoj:

'Maljunulino vendanta ovojn estas pli bona ol doktoro produktanta raketon'

'La tranĉilo de buĉisto pli valoras ol tiu de kuracisto.'

Kiam mi havis prelegon en iu Akademio, ĉina sciencisto demandis:

"Kiel vi opinias pri la ekonomia sistemo de Ĉinujo?"

kaj mi respondis:

"Socialismo, laŭnome socialismo, sed efektive pli kapitalisma ol vere en kapitalismaj landoj."

## *1.2 Esperanto-movado en sopitalismo*

"Kiel fartas s-ro X?"

"Li jam SIAHAJ-as."

Tio signifas, ke li jam ne plu aktivas en E-movado. Li jam ne havas liberan tempon, kiun li ĝuis antaŭe en edeno, kaj li estas tute okupita de la afero 'gajni monon'. Fakte tre multaj esperantistoj, kiuj aktivis en nia movado, sin ĵetis en maron por gajni monon. Unue ni devas gratuli ilin, ke ili kuraĝe ekaventuras en nova mondo, kaj due esperi, ke ili sukcese naĝos en la maro. Sed mi nur bedaŭras, ke pro tio E-movado en Ĉinujo en nuna momento preskaŭ haltis. Ne nur E-movado, sed ankaŭ multaj aliaj kulturaj movadoj, kiuj estis antaŭe subtenataj de la registaro, restas en kriza stato pro la subita ĉesigo de la subvencio de la registaro.

"Ĉu vi havas regulan kunsidon de via E-Asocio?"

"Ne."

"Ĉu vi havas E-kurson?"

"Ne."

"Kial vi ne havas?"

"Ĉar ni ne havas monon."

Mono solvas ĉion en nuna Ĉinujo, kaj sen mono oni povas fari nenion. Por okazigi kurson, unue oni devas anonci en ĵurnalo. La anonceto en lasta jaro en urbo Wuhan kostis 200 juanojn, sed ĉi-jare 2000 juanojn, 10-oble altiĝis dum 1 jaro. Sekvas la problemo de kursejo. Antaŭe oni uzis senpage kulturan centron aŭ klasĉambron de lernejoj, sed nun oni devas pagi sufiĉe grandan sumon, kiun E-asocioj ne povas pagi. Min surprizis la fakto, ke universitatoj, mezlernejoj kaj eĉ elementaj lernejoj postulas monon por klasĉambroj.

Tradicie ĉinoj estas talentaj je komerco, kaj la talento funkcias plene en la nova sopitalismo.

Oni povas dividi la agadon de niaj aktivuloj en kelkajn liniojn:

1. Multaj forlasis la movadon por komerci.

2. Amikaj aktivuloj komune entreprenas kompani(et)on.

3. Kelkaj fondas kompanieton en la nomo de sia asocio.

4. Kelkaj utiligas asocion por komerco.

5. Multaj serĉas la rimedon por komerci pere de Esperanto kaj asocio.

6. Tiuj, kiuj ne emas komerci, tamen ne scias kiel movadi sen mono.

Ĉiuokaze nun estas la granda transira epoko por nia movado. Mi esperas, ke E-asocioj, kiuj strebas komerci, sukcesu laŭeble multe. Mi tamen antaŭvidas, ke la nombro de sukcesaj asocioj estus tre limigita, ili ne havas ian financan bazon, sperton pri komerco. Multaj asocioj deziras, ke mi kaj aliaj eksterlandaj esperantistoj organizu karavanojn por vojaĝi al Ĉinujo. Ni povus kelkfoje kunlabori kun ili, sed finfine esperantistaj karavanoj ne povus sensoifigi ilin, ĉar tre malmulte da esperantistoj vojaĝas krom UK, kaj eĉ kiam iu esperantisto entreprenus neesperantistan karavanon (ĉinaj esperantistoj ofte petas tion), ili kontaktos profesiajn vojaĝagentejojn (en Ĉinujo kelkaj E-organizoj havas licencon por vojaĝo).

Ĝis nun mi vidis nian movadon en Ĉinujo per la plej negativa vidpunkto, sed la ĉefa celo de mia severa analizo estas vidi honeste la veran fakton, kaj trovi elirpunkton de la krizo. Fakte nuna stato estis jam antaŭvidita. Kaj tre natura, kaj ĉar ni, en kapitalismaj landoj, ne havas la sperton, ĉinoj mem devas eltrovi propran elirejon, dum alilandanoj devas konsili kaj iel helpi ilin.

Ĉe la fino, jen mia persona opinio:

1. Multaj E-asocioj ne kuraĝas ion fari pro la manko de mono, sed certe troviĝas multaj helpantoj, kiam ili vere eklaboras. Kiam ni eklaboris por havi kurson en urbo Ĉangĉun, neniu kuraĝis eklabori, kaj mi iom intence puŝis kurson. Kiam la afero ekiris, mi

miris, ke tiom da eminentaj esperantistoj ekzistas. Ili ne sin kaŝis, sed ke la asocio reviviĝis, ili vere ĝojis, kaj senavare helpis: Iu senpage kopiis grandajn afiŝojn, iu petis de sia laborejestro klasĉambron, iu volonte instruis sensalajre, ankoraŭ membroj ne povas kontribui grandan sumon da mono al asocio, sed multaj membroj havas kapablon iel helpi asocion. Veku ilin kaj utiligu.

2. Por tio necesas reordigi asocion. Ĉiuj asocioj havas grandan membroliston, sed plejparte ili ne pagas jaran kotizon. Nun asocio devas pagigi ilin. Kompreneble la kotizo tute ne sufiĉas por kovri la necesan koston de asocio, kaj neniu aktivulo en Ĉinujo kredas, ke per la kotizo de membroj oni povas teni asocion. Oni tamen devas pagigi membrojn, kaj ne devas malaltetaksi la valoron de kotizo. Ĉu multe aŭ malmulte, la kotizo devas kaj povas esti la bazo de asocio. Kaj surbaze de tiu minimuma bazo apartaj kontribuoj fariĝos pli firma konstruaĵo.

3. 'Unue monon, kaj poste E-movadon', tio estas la ĝenerala sinteno de multaj aktivuloj, kaj ili havas multajn argumentojn por konvinki aliajn, kaj por pravigi siajn silentadon kaj dormadon en E-movado. La argumento "sen mono kiel oni povas movadi?" estas prava, sed mi ne povas rekomendi, ke ĉiuj asocioj komercu por gajni monon. Membroj komercu kaj fariĝu riĉaj, kaj ili kontribuu por asocio, kaj la asocio ankaŭ helpu al membroj por internacia kontakto, sed E-asocio mem ne SIAHAJ-u. Kelkaj asocioj povas sukcesi en komerco, sed multaj ne sukcesus, ĉar amatoroj ne povas konkurenci kun profesiaj entreprenoj, kiuj havas financan bazon kaj ampleksan organizon. Asocio povas havi ian sekcion por komerco kaj profito, sed ĉefa celo de E-asocio estas disvastigi nian lingvon, kaj esence kultura movado.

4. Multaj diras, ke Esperanto devas esti praktika, kaj oni devas montri al komencantoj kaj neesperantistoj, ke oni povas komerci per Esperanto. Jes, tio estas bela afero, kaj oni devas klopodi por tio, sed oni devas unue ekkjesi la faktojn:

1) komercistoj inter esperantistoj estas tre limigitaj, ĉar en kapitalismaj landoj nur komercistoj komercas, dum nun en Ĉinujo ĉiuj emas komerci pri ĉiuj varoj.

2) Kiam oni volas komerci per Esperanto, ili devas perfekte regi la lingvon. Sed kiom da esperantistoj povas skribi komercan leteron en Esperanto? Kiom da esperantistoj kapablas interpreti perfekte la dezirojn de alilandaj komercistoj?

Por komerci per la angla lingvo, oni devas bone regi la lingvon; esperantistoj ankaŭ devas altigi lingvan nivelon.

Por altigi lingvan nivelon asocioj devas havi regulajn kunsidojn kaj kursojn, sed se oni sabotus la veran celon de asocio, tio estas danĝera por estonteco.

5. Konklude, nia movado en Ĉinujo devas rapide renaskiĝi. Asocioj devas reordigi malnovajn membrojn, kaj amasigi la fortojn de dormantaj eminentuloj, kaj ekhavu regulan kunsidon, kursojn, eldonu informilojn ktp. Komence la forto povas esti malgranda, sed tio estas rekta vojo al sukceso, mi opinias.

6. Eksterlandanoj vojaĝu laŭeble multe al Ĉinujo interkontakte kun lokaj E-asocioj. Mi surpriziĝis, ke en multaj grandaj urboj mi estis la unua eksterlanda vizitanto. Mi tamen aŭdis multajn plendojn de eksterlandaj esperantistoj, kiuj vizitis Ĉinujon, ke ili ne havas la rimedon kontakti lokajn esperantistojn kaj asociojn. Por ligi ambaŭ mi intencas pliampleksigi delegitan reton de UEA, aŭ eldoni adresaron de E-asocioj en Azio.

## 2. Rapotoj

## 2.1 raporto pri Kamboĝo

En la 12a de junio 1993 Kamboĝa Esperanto-Asocio fondiĝis en Phnom Penh. En la 13a la unua kunsido de la membroj okazis. Ili starigis la statuton de la asocio kaj elektis la estraron. Kaj ili decidis labori por la disvastigo de Esperanto kaj por monda paco, kaj ankaŭ aliĝi al UEA. La novaĵon de la fondiĝo de la asocio raportis 3 radiostacioj (de la rigistaro, FUNCINPEC-Partio kaj UNTAC), 3 ĵurnaloj ("Rasmai Kampuchea" kmere, "PhnomPenh Post" angle, "Cambodia Times" angle kaj kmere).

Esperantistoj en Kamboĝo kaj s-ro Horst GRUNER, kiu estas esperantisto kaj unua sekretario de germana ambasado, kunlaborante preparis dum kelkaj monatoj la fondiĝon. Ili povis uzi domon de pollanda ambasadoro kiel kunvenejon dank' al lia kompreno kaj favoro. En la kunveno ĉeestis ĉirkaŭ 50: tieaj ĵurnalistoj kaj televidostacianoj, vicministro de edukado, gefunkciuloj de FUNCINPEC (opozicia partio venkita en la lasta elekto), kamboĝaj junaj esperantistoj, 2 japanaj esperantistoj ktp. Unue la pollanda ambasadoro adresis gratulon kaj esperon por Esperanto-movado. Kaj oni prezentis vidbendon en Esperanto pri la kulturo kaj historio de la urbo kie naskiĝis Zamenhof. Post tio s-ro CHHIM Sokha en la nomo de kamboĝaj esperantistoj deklaris kmere, esperante kaj angle la fondiĝon de la asocio. Libroj de UEA, Bangkoko kaj Japanio estis donacitaj al li. Kaj japana esperantisto transdonis solidarecajn mesaĝojn de japanaj esperantistoj: gesamideanoj ISINO Yosio (JEI), NAKAMITI Tamihiro (KLEG), DOJ Hirokaz kaj Ĉieko (redaktantoj de "Esperanto en Azio"), Acuŝi HOŜIDA (Hokkajda Esperanto-Ligo), HUZIMAKI Ken'iti (Esperanto-Societo en Numazu), Tomakomaja Esperanto-Societo, YAMAZAKI Masaru (Jokohamo), TAHIRA Masako (Kioto), HIRAMA Hideko kaj KAWAHARA Kazuya (Sendai).

En la 13a de junio asocianoj elektis s-ron CHHIM Sokha (instruisto de konto kaj angla lingvo de financlernejo de Financa Ministerio) prezidanto, s-ron SOK Samnang (instruisto de vjetnama lingvo de Phnom Penh Universitato) vicprezidanto kaj 8 aliajn estraranojn. La asocio havas 17 membrojn ĉefe junajn ĉirkaŭ-20-jaraĝajn kaj atendite havos pli ol 20 membrojn.

Ekde 1979 multaj lernas fervore fremdlingvojn en Phnom Penh. Precipe post kiam

UNTAC venis en 1991 en la urbo troviĝs multaj privataj lernejoj de la angla lingvo, al kiuj multaj gejunuloj vizitadas matene aŭ vespere. S-ro CHHIM Sokha lernis Esperanton kiam li studis konton en urbo Hoĉiminh, Vjetnamio de 1986 ĝis 1990. Post la reveno, dum li instruas konton kaj la anglan lingvon, li okazigas esperantajn kursojn ekde 1991. Li jam instruis ĉirkaŭ 500 lernantojn en 6 kursoj pri Esperanto dum 2 jaroj. Sed li ne povis malfermi la kurson en ĉi tiu jaro, ĉar ekzempleroj de "Saluton", kiujn li portis el Vjetnamio, estis prespkaŭ elĉerpitaj. S-ro CHHIM Sokha kaj Horst GRUNER petis ripete ke UEA helpu provizi kelkcent lernolibrojn. Tamen UEA ankoraŭ ne respondas ĝis nun. En la 17a de junio ĝuste antaŭ ol la reveno de s-ro Horst GRUNER al Germanio, li aranĝis plian eldonon de lernolibro pagante por UEA. Do s-ro CHHIM Sokha decidis kaj preparis malfermi novan Esperantan kurson en julio. Li anoncas pri tio per reklamoj en la librejo, kie oni povas aĉeti lernolibron Esperantan. Samtempe li intencas organizi intensivan kurson por asocianoj trejni kiel eble plej multe da instruistoj de Esperanto.

En Kamboĝo troviĝas ne malmulte da junaj esperantistoj kaj lerni-volantoj. Sed mankas lernolibroj, instruistoj, vortaroj ktp. Plie ne troviĝas kunvenejo por esperantistoj. Ili ne sufiĉe povas disvastigi Esperanton, ĉar ili ne havas Esperanto-Kmeran vortaron, kiu estas nepre necesa por memlernado. S-ro CHHIM Sokha esperas ke japanaj esperantistoj subtenos ilian financon.

Tiea movado povas evolui pli grande, se ili havas siajn proprajn lernilojn kaj precipe junaj esperantistoj interkontaktas kun alilandanoj.

(raportas MIYAZAWA Naoto kaj SATO Eiji el Japani 22 junio 1993




s-roj CHHIM Sokha kaj Horst GRUNER

## *2.2 Mia vojaĝo en la Meza Azio*

*Wang Tianyi (Xi'an, Ĉinio)*

Laŭ la Esperanta mapo menciita de prof. d-ro So Gilsu, nia urbo Xi'an ankaŭ apartenas al la teritorio de Meza Azio. Tio estas ĝusta baze de la homa gento kaj simila kulturo. Sed ĉifoje mi ne skribas pri tio; mi volas skribi pri mia vojaĝo precize en la Centra Meza Azio, ĉefe rilate al nia Esperanto-movado.

La 15an de novembro 1992 mi flugis de nia urbo Xi'an al Urumuchi. Tie mi refoje renkontiĝis kun miaj Esperanto-amikoj konataj dum la antaŭa vizito por akcepti la uzbekan komercan delegacion gviditan de esperantisto Anatolo Ionesov. Miaj Esperanto-amikoj s-ro Liu Xiaozhe helpis min kontakti la ĉinan doganejon, kaj la kazaknacieca esperantisto Sademan donis al mi kelkajn adresojn de esperantistoj en Kazakio, ĉar mi ĉifoje kiel la gvidanto kaj interpretisto de la Shaanxi-provinca ekonomi-komerca delegacio kun 13 personoj vizitos la Uzbekan Respublikon, laŭplane ankaŭ Kazakion. Certe mia vojaĝo devas okazi helpe de lokaj geesperantistoj, ĉar mi konas neniun fremdan lingvon krom Esperanto, kiun mi kutime opinias la Mondlingvo kiel aliaj ĉinoj.

La 18an de novembro mi kun nia delegacio flugis de Urumuchi al Taŝkento, la ĉefurbo de Uzbekio. En ties flughaveno Esperanto-amiko Anatolo Ionesov jam atendis nian delegacion iom longe. Kiam ni brakumas unu la alian, ni sentas nin samideanece ĝojaj. Ĉar post la vizito de la uzbeka komerca delegacio al Ĉinio pere de Esperanto, ni ankaŭ sendis al Uzbekio 4 samajn delegaciojn pere de Esperanto. Kaj finfine kiel unu el la iniciatantoj mi ankaŭ gvidis la delegacion atingi la landon, kie niaj esperantistoj aktive laboras por la nova Verda Silkvojo. La gajnita sukceso post la diligenta laborado faris nin ambaŭ emociitaj. Pro tempo-manko nia delegacio devos trajne veturi al la urbo Samarkando ĉinokte. Vespere mi kaptis liberan momenton tuj telefoni al niaj Esperanto-korespondintoj en Taŝkento. Bedaŭrinde mi nur sukcese telefonis al la fama esperantisto Eugeno Perevertajlo. Li tuj esprimis al mi bonvenon en la hejmon, kaj demandis kiam mi revenos Taŝkenten. Li atendos min kiel gaston. Post la telefono nia grupo demandis min, ĉu mi ankaŭ havas amikojn en Taŝkento. Mi fiere respondis, ke jes, eĉ tra la mondo! Tio ne troigis la fakton, ĉar laŭ mia internacia korespondo-notaĵo dum pli ol unu jaro mi jam sendis pli ol mil leterojn tra la mondo.

En Samarkando nia aktivado estis tre okupita, nur nokte mi havis tempon telefoni al esperantistoj laŭ la Pasporta Servo. Sed mi ne povis sukcesi krom la telefon-numero de la aktiva esperantisto Bahodir Habibov, kies numeron donis la juna esperantisto Radik kiel interpretisto de Esperanto por nia delegacio, ĉar la malnova numero plusciferiĝis. Finfine Anatolo Ionesov miris: Ho, vi havas bonan kutimon kontakti kun esperantistoj per la telefonilo! Kaj tuj li donis al mi multajn telefon-numerojn de la samideanoj en

Samarkando, kaj samtempe helpis min telefoni, ĉar mi ne povis prononci je la nomo vokita tiel ĝuste kiel la ruso. Kiam mi ekparolis kutime kun la frazoj: "Mi estas ĉina esperantisto; mi venis el Ĉinio. Mi nun estas en Samarkando." Komence ili ĝenerale supozis, ke iu ŝercis kun li aŭ ŝi. Kaj finfine kiam ili kredis ke mi estas vera ĉina esperantisto, ili tuj emociiĝis, eĉ unu esperantistino parolis balbute. Tiam Anatolo Ionesov kiel iniciatoro de Esperanto-movado en Samarkando, tuj prenis la telefonilojn je taŭga tempo, kaj saĝe kuraĝigis la samideanojn....Kompreneble la Esperanto-movado en Samarkando havas tre bonan bazon, okazigita de la saĝa kaj entuziasma esperantisto Anatolo Ionesov, kiu fondis la internacian muzeon por paco kaj solidaro, kie nun estas ejo kaj hejmo de la lokaj geesperantistoj, kaj kies laboro ankaŭ dependas ĉefe de esperantistoj. Samideano Anatolo Ionesev ofte diras, ke nia movado dependas de konkreta agado, sed ne propagando! Jen ni ne propagnadis... sed la ĵurnalo intervjuis nin ofte. Je la momento li montris al mi la Samarkandan Ĵurnalon kun la artikolo "Esperanto aktivas sur la Silka Vojo". Ho, ĝojinde estas ke la artikolo kelkfoje menciis kelkajn ekonomi-komercajn delegaciojn el Ĉinio pere de esperantistoj, eĉ okazis en Esperanto ĉio... Alie, samideanoj Anatolo Ionesov anoncis min ke li jam havas la novan konkretan ideon okazigi la Azian Esperanto-Kongreson en Samarkando. Lia ideo jam ricevis la subtenon de la rusa Esperanto-Asocio. Mi gratulu al vi, mia kara amiko, la venontan sukceson! Ĝis revido en Samarkando!

Nun mi jam estas en Taŝkento, la plej granda urbo en la Centra Meza Azio. Tie la Esdperanto-movado estas normala ke kelkaj aktivuloj kaj iuj komencantoj kunsidas ĉiusemajne en Esperanta klubejo situanta ĉe la suda stacidomo. La kunsido kiel kurso estas gvidata de la fama esperantisto Eugeno Perevertajlo. Lia familio estas vera Esperanta familio, en kies hejmo mi loĝis du noktojn, kaj povis paroli Esperante kun ĉiuj familianoj; ĝuste dirite lia hejmo estas internacia gastejo; tie mi renkontiĝis kun esperantisto Kanatbek Gudajmendiev el Kirgizio, kaj sveda ĵurnalisto, kiu parolas angle. Sed bedaŭrinde lia loĝejo estas tre malproksima de la centro de Taŝkento. Tial, kiam mia delegacio reflugis al Ĉinio, mi mem restis en Taŝkento. Kaj mi nur tranoktis la du noktojn ĉe lia hejmo, mi transloĝiĝis al esperantisto Gafur Mirzabajev, profesia kantisto kaj nuntempe la plej grava aktivulo de nia movado en Taŝkento. Li jam fondis la Uzbekan Esperanto-Asocion kaj la firmaon "Verda Stelo". Li nun verkas Esperantan lernolibron kun la uzbeka lingvo. Li ankaŭ diris al mi ke li intencas okazigi la Azian Esperanto-Kongreson en Taŝkento, invitote de la Uzbeka Esperanto-Asocio, kies prezidanto estas li. Ho, nia movado en Azio jam eniras aŭguran tempon sendependiĝontan de Eŭropo. Jes, mi ja kuraĝigu la ideon, ĉar la Centra Meza Azio estas la plej bona loko por la Azia Esperanto-Kongreso: Ĉiuj el Azio kaj Eŭropo povas facile atingi ĝin, kaj la elspezo estas malmulta kompare kun en aliaj lokoj, eĉ la ĉinaj esperantistoj povos svarmiĝi al ĝi je rimarkinda kvanto. Ne perdu la ŝancon, mi deziras. Dankon al miaj akceptintoj kun la

verda koro en Taŝkento, Eugeno, Gafur, ho, ankaŭ la fama pentristo Matevosjan, kiu serĉas internacian kunlaboron per sia lingvokono de Esperanto...

Mi veturis aŭtobuse ĝis Biŝkek, la ĉefurbo de la Kirgiza Respubliko. En la stacidomo samideano Kabatbek atendis min. Ĉio estis en ordo, mi trankvile loĝis en la vilaĝo kun la familio de samideano Kanatbek; liaj familianoj estas tre bonkoraj prizorginte ĉion. Tie mi gustumis la veran naciecan manĝaĵon en la hejmo kun la feliĉa memoro. Bedaŭrinde, nia movado en Kirgizio estas silenta. Laŭ Kanatbek antaŭe iuj lernis Esperanton, sed ne naskis organizanton de nia movado en la respubliko. Tiel mi havis sufiĉan libertempon babiladi kun la samideanoj Kanatbek pri ĉio, ĉu la movado, ĉu la politiko, ĉu la familio. Li estas ja vera sperta esperantisto kun multaj ideoj, mi esperas ke li estos nova stelo por nia movado en Kirgizio.

Tri tagojn poste mi devis veturi al Alma Ata, la ĉefurbo de la Kazaka Respubliko, sed neniu konas adreson de esperantistoj en Alma Ata. Kion fari? Samideano Kanatbek laboranta en turisma servo havis la saĝan ideon ke li telefonis al la Esperanto-Centro de la Sendependa Ŝtata Komunumo en Moskvo, kaj ricevis la adreson for de kelkmil kilometroj. Poste li ankaŭ tuj telefonis al la adreso en Alma Ata... Danke al la moderna komunikilo! Elkoran dankon al la samideanoj Kanatbek kaj nekonata en Moskvo! Mi jam invitis la familion de Kanatbek al Ĉinio.

Kiam mi atingis la stacidomon, kaj elbusiĝis kun rigardo, unu virina sono kun la konata vorto "Saluto" saltis antaŭ mi. Mirinde pro ŝia homserĉo nur per unu rigardo, mi sentis min nun kun konata persono. Ŝia nomo estas Dina Lukjanec, la profesia kantistino modernstila kun la verda koro. Ŝi estas sperta je la lingvokono de Esperanto; pro tio ŝi eldonis sian specialan kantkasedon en Esperanto. En Alma Ata mi loĝis hejme de unu komencanto Gnatek Jrina, masaĝistino. Ŝi havis ja grandan projekton pere de Esperanto kontakti tra la mondo. Jes, nia movado en Alma Ata estas espera, ĉar ĝi havis brilan historion pri nia lingvo; pri tio la veterana esperantisto Kurnosov Aleksandro kelkfoje rakontis al mi: Kiam li estis juna, li kursadis en diversaj institutoj kaj kvartaloj tra Alma Ata. Nun nova kurso okazos baldaŭ. Ĉu la nova brila historio de nia lingvo venos al Alma Ata? Mi esperas, ke jes. Dume mi ankaŭ persone konatiĝis kun profesoro Kim Tuan Tu, la korenacieca esperantisto laboranta en la urba universitato. Li profunde konas nian lingvon... Kara Alma Ata, ĝis revido! Mi imagu, ke mi povos aŭskulti la verdan kanton de samideanino Dina, ĉu en Ĉinio, ĉu en iu lando. Mi deziras al komencantino Jrina posedi la plej oportunan komunikilon realigi sian projekton. Mi esperas, ke ni ĉiuj amikoj havos refojan renkontiĝon.

Post longa vojaĝo laŭ la Verda Silkvojo mi revenis en Urumuchi la 25an de novembro 1992. Estas ĝoje ke mi refoje vidis niajn samideanojn en Urumuchi, de kie mi komencis mian vojaĝon al la Centra Meza Azio. Mi rakontis al la samideanoj mian travivaĵon survoje. Mi informis al ili, ke esperantistoj en Uzbekio, Kirgizio, Kazakio kaj

aliaj atendas ilian alvenon. Mi kuraĝigis la plej aktivajn du movadistojn s-roj Guan Fengsheng kaj Shong Bin okazigi la regionan Esperanto-renkonton por la Centra Meza Azio, ĉar nun jam estas tempo por la ideo. Ni vidu ilian agadon!

Baldaŭ finiĝos mia vojaĝo tra la Meza Azio, en la lasta tago de la jaro 1992 mi reflugis al nia urbo Xi'an, la plej orienta urbo de la Meza Azio. Kion mi devas pridiri post la vojaĝo? Unue mi opinias, ke la internacia kunlaboro dependas de konkreta ideo; ĉu iuj samideanoj trovis sian konkretan ideon? Due nia movado devas interveni la seriozajn aferojn kiel la ekonomian, komercan kaj politikan: nur tiel oni vidos nian lingvon serioza fenomeno de la socio. Trie ni ne atendu ŝancon, sed serĉu ŝancon; ne profunde diskutu pri utiligo kun nia idealo, sed montru antaŭ la publiko la fakton. Jen, mi jam desegnis por vi la Esperantujon en la Meza Azio, por via konkreta kunlaboro mi nun donas al vi la adresojn el la Esperantujo:

s-ro Anatolo Ionesov (vd. p.14)

s-ro Gafur Mirzabaiev/ ul. Klara Cetkin, d.6, kv. 50, Taŝkento, Uzbekio. (tel. 7-3712-54-84-74)

s-ro Kanatbek Gudajmendiev/ Alamedin r-n s. Araŝan. ul. Centralnaja 35. Biŝkek, Kirgizio. (tel. 7-3312-21-32-56)

s-ino Dina Lukjanec (vd. p.14)

s-ro Guan Fengsheng/ Jan ĝuo Lu 34 Haolo, Urumuchi, Ĉinio (tel. 86-991-21-92-74)

s-ro Wang Tianyi/ Xi'an-a Esperanto-Asocio, Xiyinglu 74 hao, Xi'an, Ĉinio (tel. faks.86-29-33-96-19)

## *2.3 Esperanto-movadoj el vojaĝoj en la azia parto de Rusio kaj en Meza Azio*

*NISIO Tutom (Oosaka, Japanio)*

Dum mia ok-monata restado en Rusio por ĉeloke lerni la rusan, mi sukcesis viziti entute 19 urbojn. El la vojaĝado mi raportu pri urboj en la azia parto de Rusio kaj en Meza Azio.

### *2.3.1 Pri urboj en la azia parto de Rusio*

Nu ĉu tiu divido de Rusio en eŭropa kaj azia partoj havos pozitivan sencon en E-movado, aŭ ne, oni ankoraŭ ne scias. Sed efektive la eŭropa parto pli ofte kunlaboras kun Eŭropo, kaj la azia kun Azio. Estas do ne malbone tie ĉi raporti pri la azia parto. Jen laŭ la ordo de miaj vizitoj.

**Tomsk:** La urbo situas 200 kilometrojn nordoriente de Novosibirsk, konata kiel akademia kaj studenta urbo; ĝi havas Universitaton Tomsk kun 8,000 studentoj. Ties

biblioteko havas pli ol 100 E-librojn. Aktivaj estas kelkaj kaj ankaŭ junula movado ekzistas, kvankam iom aparte de la nejunula. Supozeble pli ol 30 esperantistoj. Unu aŭ du fojojn jare oni organizas tendaron, aŭ ion similan kunlabore kun Novosibirsk kaj Krasnojarsk kaj kolektas de 50 ĝis 100. Oni organizas kursojn. Troviĝas sidejoj de gazetoj, AKTUALE EŬRO-AZIA kaj IEN. Kontakto-adresoj: Vladimir J. MININ/ RUS-634063, Rusio, Tomsk, a.k. 2000. Li estas preskaŭ profesia esperantisto, kiu redaktas kaj eldonas la gazeton, AKUTUALE, klopodas utilig Esperanton en praktikaj uzoj, havante kontaktojn kun diversaj kulturaj agadoj. Li invitas infanan grupon kun esperantista gvidanto viziti la urbon. Basov Gjennadij F./ RUS-634055, Rusio, Tomsk, a.k. 2289. Li nun iniciatas Rusian E-an Pasportan Servon (REPS), agorde de Pasporta Servo de TEJO.

**Krasnojarsk:** 650 kilometrojn oriente de Novosibirsk, industria urbo. Laŭ mia impreso, tie ekonomia vivnivelo estis plej alta el la vizititaj urboj kaj ankaŭ E-aktiveco plej alta kaj vigla. Krasnojarska Esperantista Klubo estas konstante aganta klubo kun ĉ. 50 membroj. La klubo havas sian propran klubejon kun 5-6 ĉambroj, telefono, kvankam ĝi kuŝas subtere. Tie troviĝas ĉambro taŭga kiel kursejo, teuma ĉambro kun komfortaj sofoj, kuirejo, librotenejo, k.a. La klubejo estas ilia propra kaj ĉiuvespere iu deĵoras. Tio estas tre admirinda en nuna Rusio. Elementan kurson dufoje jare tie ili organizas, kien homoj venas facile sen propagando. En la urbo junaj kaj nejunaj ne apartiĝas sed kunlaboras. Ili kunlaboras kun Tomsk kaj Novosibirsk. Kontakto-adresoj: Krasnojarska Esperantista Klubo/ p.k. 2420, Krasnojarsk-75, 660075 Rusio, tel. 7-3912-23-52-59, telekopie 7-3912-23-35-25 Esperanto. Sergej A. BRONOV (prezidanto de la klubo)/ str. Konstitucii 25-37, 660049 Krasnojarsk, Rusio. Ĥabarov Eŭgeno kaj Semjonova Olga (kutima zorganto de la klubejo)/ Akademgorodok 17a-185, 660036 Krasnojarsk, Rusio.

**Jekaterinburgo:** Apud la transsiberia fervojo, ĝuste ĉe orienta flanko de Urala Montaro, la plej proksima al Eŭropo aziparta urbo. Loĝantoj - 1.3 miliono. Centro de ĉirkaŭ uralaj E-aktivecoj, kie februare en 1992 fondiĝis Ruslanda Esperanto-Asocio, iom abrupte dum ekzistas tradicia Rusia Esperantista Unio. Laborantoj de tiu REA tre aktive agadas. Ili organizas internacian renkontiĝon nomatan Eŭropo-Azio kaj ankaŭ aliajn turismajn karavanojn por eksterrusianoj, eldonas librojn precipe mendite el eksterlando kaj akiras eksterlandan monon. La mono ŝajne subtenas la ekonomian bazon de la agado. Ankaŭ kursojn ili organizas. La motoro de ilia agado estas Aleksander Korĵenkov kaj lia edzino, Halina Gorecka. REA eldonas informilon, nomatan RUSLANDA ESPERANTISTO. Nu en la urbo, kadre de REA, kreskas tre forta kaj konscia laboro por kaj per Esperanto. Kontaktoadresoj: Ruslanda Esperanto-Asocio/ RUS-620077, Jekaterinburg-77, pk. 67, Ruslando. Aleksander Korĵenkov/ RUS-620014, Jekaterinburg - 14, pk. 162, Ruslando, tel. 7-3432-47-07-97. Viktor Kulakov/ RUS-620043, Jekaterinburg 43, pk 19, Ruslando, tel. 7-3432-23-57-85. Li ankaŭ kontaktas kun komputila reto kaj lia kodo de E-mail estas vak@ntmk.e-burg.su.

**Petropavlovsk-Kamĉatskij:** La ĉefurbo de Kamĉatka regiono. Eble troviĝas ĉ. 20 esperantistoj. Aktiva ĉefulo estas Andris Natinj, kiu zorgas Klubon "Orienta Avangardo", kiu havas kunvenon regule kaj ankaŭ kurson. Bedaŭrinde nuntempe parolkapablaj estas malmultaj. Kontaktoadreso: Andris Natinj/ RUS-683024 Petropavlovsk-Kamĉatskij, bul. Ribackoj Slavi 3-10, Rusio.

**Ĥabarovsk:** Tie mi renkontis nur unu junulon ne tre parolkapablan, kiu tamen bone zorgis kaj gastigis min. Li deziras plu daŭrigi sian agadon pri Esperanto. Li estas Miĥail A. Daniluŝkin/ RUS-680051 Ĥabarovsk, ul. Ĉernjaĥovskovo 7-16, Rusio. Poste mi ricevis informon pri alia junulo: Gepalov Sergej/ RUS-680020 Ĥabarovsk, ul. Ladoĵskaja 27-149, Rusio.

### *2.3.2 Pri urboj en Meza Azio*

**Alma-ata en Kazahio:** Ĉefurbo de Kazahio. Nun ne ekzistas organizita grupo sed Dina Lukjanec klopodas fari kurson kaj kunvenon. Kelkaj parolkapablaj esperantistoj troviĝas. Kontaktoadreso: Dina Lukjanec/ 480057 Alma-ata, ul. Ĝapaev 73-25, Kazahio, tel. 7-3272-45-56-13.

**Taŝkento en Uzbekio:** Ĉefurbo de Uzbekio. Du milionoj da loĝantoj. Troviĝas klubo, kiun zorgas Eŭgeno S. Perevertajlo. Oni konstante kunvenas kaj organizas kurson. En lia familio, edzino kaj ankaŭ filo kaj filino parolas en Esperanto. Por mi gasti en tia familio estis unua kaj mi trovis, ke estas tre agrable paroli ankaŭ kun etaj en Esperanto. Nu supozeble en la urbo troviĝas ĉ. 20 esperantistoj. Li intencas eldoni lernolibron pri Esperanto en la uzbeka. Kontaktoadreso: Eŭgeno S. Perevertajlo/ 700000 Taŝkento, a/j 140, Uzbekio, tel. 7-3712-57-24-87.

**Samarkando en Uzbekio:** 240 kilometrojn sudokcidente de Taŝkento. Historie malnova urbo. Troviĝas eble pli ol 20 esperantistoj. Anatolo Ionesov fondis kaj prizorgas tre unikan Internacian Muzeon de Paco kaj Solidareco. La muzeo kolektas porpacajn aĵojn de la tuta mondo, ankaŭ de monde tre konataj personoj kaj prezentas ilin per agrable profesinivela maniero en ĉ. 80 kvadratmetra ĉambro. Tie ankaŭ aktivas Samarkanda Esperanto-Klubo, kies membroj ankaŭ laboras kaj subtenas la agadon. Kontaktoadreso: Anatolo Ionesov/ SNG-70300 Samarkando, abon. ja. 76, Uzbekio, tel. 7-3662-33-17-53.

*(raportas NISIO Tutomu/ Takadono-4-13-3, Asahi-ku, OOSAKA, 535 Japanio)*

## *3.1 Esperanto-movado en Shandong Universitato, Ĉinio*

Esperanto-movado en Shandong Universitato, en la provinco Shandong de Ĉinio komenciĝis en la dudekaj jaroj kaj vigliĝis en la tridekaj. Tiam Shandong Universitato troviĝis en Qingdao. Ĝia nomo estis Qingdao Universitato. En 1958 ĝi translokiĝis al Jiman, la ĉefurbo de la provinco kaj nun ĝia nomo estas Shandong Universitato. Inter

somero kaj aŭtuno de 1933, Qingdao-a Esperanto-Asocio fondiĝis en tiama Qingdao Universitato kaj ĝi funkciigis elementajn Esperanto-kursojn en la urbo kaj en la universitato. Tiam en la suplemento de "Lumo kaj Qingdao" de "Ĵurnalo de Qingdao" aperis fremdlandaj literaturaĵoj tradukitaj el Esperanto. Kelkaj junuloj esperantistiĝis influataj de la literaturo Esperanta kaj fariĝis konataj kaj elstaraj homoj kaj esperantistoj.

Dum pli ol 30 jaroj Esperanto-movado ne ekzistis en la universitato kaj nun nenio pruvas, ke estis Esperantaj aktivadoj dum tiuj jaroj.

Depost la Dua Tutlanda Esperanta Laborkunsido de Ĉinio en la jaro 1979, Esperanto-movado de Ĉinio revigliĝis kaj en aliaj provincoj fondiĝis kelkaj korespondaj lernejoj de Esperanto. Kelkaj gejunuloj en la provinco de Shandong eklernis Esperanton en tiaj lernejoj, tamen iliaj lernadoj renkontis multajn malfacilojn; tiam ne estis Esperanta organizo, kiu povis helpi ilin. Por pli bone disvastigi Esperanton kaj organizi tutprovincan Esperanto-organizon, Shandong Universitato elektis kaj sendis sian junan kaj eminentan instruiston de la franca lingvo al la porinstruista Esperanto-kurso establita kune de Eduka Ministerio kaj la Ĉina Esperanto-Ligo en Pekino.

Semo de Espero en fekunda kampo certe donas abundajn fruktojn.

La 20an de oktobro de 1982, nova instruisto de Esperanto revenis al Shandong Universitato. Zorgate de koncernaj gvidinstancoj, la unua Esperanto-kurso de Shandong fondiĝis en Shandong Universitato. La instruistoj kompilis kaj mimeografis poresperantan "Verda Stelo Super Taishan" (1982-10-22). Instruisto de Esperanto de Shandong Universitato ankoraŭ organizis kursojn en dimanĉo por helpi kaj instrui Esperanton al komencantoj de korespondaj lernejoj de Esperanto, kiuj venis el diversaj lokoj de la provinco. En tiu jaro esperantistoj de la tuta provinco unuafoje festis Zamenhofan tagon en Shandong Universitato. TV de Shandong raportis pri la celebrado, kio vekis grandan intereson de diversrondaj personoj, precipe de gejunuloj. Multaj junuloj ekvolis lerni la lingvon.

En la universitato, ne nur gejunuloj lernis Esperanton, sed ankaŭ pli ol 30 instruistoj de fremdaj lingvoj lernis nian lingvon dum pli ol unu jaro. Instruante la anglan lingvon aŭ la francan lingvon, ili propagandis Esperanton; tiel la influo de Esperanto pligrandiĝis iom post iom. Fakte Shandong Universitato jam fariĝis la bazo de Esperanto-movado de Shandong por propagandi kaj instrui Esperanton.

Esperanto-instruado de Shandong Universitato estas ĉiam prizorgata kaj subtenata de gvidantoj je diversnivelo de la universitato. Kelkaj kunsidoj kaj diskutkunvenoj okazis en la universitato. Veteranaj esperantistoj kaj Esperanto-simpatiuloj aktive helpas instruadon kaj movadon. En aprilo de 1983, en la unua sesio de la Kvina Shandong-a Popola Politika Interkonsiliĝa Konferenco, unu maljuna profesoro de la universitato prezentis al la konferenco "Projekton pri fondo de Shandong-a Esperanto-Asocio" kaj la ĉeestantoj varme diskutis pri la disvastiĝo de Esperanto-movado kaj unuvoĉe aprobis la projekton.

Nelonge post tio fondiĝis la prepara komitato por tiu afero en Shandong Universitato. La fondiĝo de la organizo markis novan etapon de Esperanto-movado de la provinco.

En la lastaj jaroj Esperanto-movado iras bone kaj sane. Nun la instruado de Esperanto jam fariĝis regula kaj oficiala. En la fakultato de fremdaj lingvoj, gestudentoj, kiuj lernas la anglan, lernas Esperanton kiel la duan lingvon. Kaj ekde la pasinta jaro gestudentoj de la tuta universitato povas lerni Esperanton kiel nedevigan lingvon. Ĉi-jare multaj studentoj lernas Esperanton, kelkfoje la klasĉambro estas plena, iuj eĉ starante sekvas la lecionon de Esperanto. Lernolibro de Esperanto jam estas neaĉetebla en nia universitato ankaŭ en nia urbo!

Esperanto-movado de la universitato ĉiam iras antaŭe en la provinco kaj akcelis Esperanto-movadon de la provinco. Junaj esperantistoj tre ŝatas veni en la universitaton kaj partopreni en la aktivado de Esperanto de la universitato. Gestudentoj de Esperanto-kurso de la universitato starigis la propagandan rubrikon, en kiu ili ekspozis ofte artikolojn, librojn kaj fotojn pri Esperanto. En la arta festivalo de la universitato ili prezentis Esperantajn programerojn: Esperantajn kantojn, deklamojn de Esperantaj poemoj, rakontoj kaj aliaj...

Geesperantistoj de la universitato ricevis amikojn esperantistajn el diversaj landoj, ili interparolis Esperante, ili promenis en la bela urbo, ili amikiĝis, kaj ili ofte korespondas... La amikeco inter esperantistoj disvolviĝas profunde tagon post tago.

Ne nur ili lernas Esperanton kaj praktikas la lingvon, ili ankoraŭ ne forgesis propagandi daŭre kaj senĉese Esperanton. Ili redaktas organon de la provinca Esperanto-asocio "Verda Stelo super Taishan" kaj tiu Esperanta gazeto jam estas konata en la lando kaj faris grandan kontribuon al Esperanto-movado de la lando.

Esperanto-movado de la universitato atentigis veteranajn esperantistojn kaj en la pasinta jaro, sinjoro Li Shijun, membro de la Akademio de Esperanto kaj eksĉefredaktoro de "El popola Ĉinio" kaj aliaj famaj veteranaj esperantistoj vizitis Esperanto-kurson de Shandong Universitato kaj alte kaj forte taksis instruadon kaj movadon de Esperanto en la universitato. Nun esperantistoj laboras pli senplende, pli diligente kaj solide por fari pli grandan kontribuon al Esperanto-movado de la provinco, de Ĉinio kaj al Esperanto-movado en Azio.

*(raportas Liu Xiaojun/Shandong Daxue, Waiyujiaoxuebu, CN-250100 Jian, Shandong, Ĉinio)*

## 3.2 Esperanto-movado kunligita kun la movado por demokratio en la 40aj jaroj en Chengdu, Ĉinio

*—-Fragmentoj el mia memoro—-*

Sabeo Fu, Ĉinio

En la komenco de la 40aj jaroj mi jam laboris en poŝtoficejo de relative longa tempo. Kaŭze de ofta kontaktado en laboro kun fremdlingvoj mi havis intereson pri lingvoj, precipe la okcidentaj. Iutage mi vizitis librostandon, hazarde mi trovis Abocolibron de Esperanto. Tre plaĉis al mi tiu. Reveninte mi senhalte legis multe da paĝoj en ĝi, kaj ju pli ĝin mi legis, des pli ĝin mi ŝatis. Post ne longe legante ĵurnalon mi trovis sur ĝi anonceton pri varbado de lernantoj de la Koresponda Esperanto-Lernejo en Congqing. Tuj post tio mi enskribis mian nomon kaj aliĝis la E-kurson pere de korespondado ĝis la fino. S-ro Feng Venlo estis mia instruisto. Dank' al lia helpo por mia tasko mi ricevis utilan lecionon. Pere de s-ro Feng mi konis k-don Li Shijun (Laŭlum, ano de Esperanto-Akademio de UEA). Li helpis al mi solvi nemalmulte da malfacilaj punktoj pri elparolado kaj gramatiko. Mi ofte vizitis lin kaj babiladis pri Esperanto kaj E-aktivado. Baldaŭ pere de li mi konis Xu Shou-zhen (Eltunko, alinome Xu Baifeng). Poste mi konis Zhang Zaikun (Zhang Zai), kiu laboris en Lianying-Librejo. Pro ofta vizito al la librejo por aĉeti E-librojn mi ankaŭ konis aliajn esperantistojn en tiu librejo, sed bedaŭrinde mi ne povis memori nomojn krom Zhang Huizhi. Pere de mia kolego en poŝtoficejo mi ankaŭ konis s-ron Wu Xianyou, veterano en la 30aj jaroj kaj tiam la estro de mezlernejo kaj k-don Cheng Xijun (Linlan, poste Cheng Zaihua). En senĉesa kontakto kaj babilado kun ili mia penso ŝanĝiĝis iom post iom de simpla lernado de Esperanto al E-movado. Mi ankaŭ komprenis, ke la esperantisto devas posedi internan ideon de Esperantismo. Eltunko posedis ne nur internan ideon sed ankaŭ fortan demokrat-penson kaj sub lia influo tia vidpunkto rapide flugis al samideanoj, ankaŭ al mi. En kunligo kun agado de E-movado kaj demokrat-movado logiĝis pli multaj esperantistoj al tiu rondo. Fakto ja estis tiel: en la loĝejo de Eltunko kaj Laŭlum multaj samideanoj ofte vizitis ilin unu post la alia, tage aŭ nokte. Fakte tiu loko estis la centro de la rondo.

En 1944, kondiĉe de matureco por establi E-organizon, rondiĝis Chengdu-a Esperanto-Ligo kaj inaŭguris en la loĝejo de k-do Zhong Mu, la subtera partiano de ĈP. Tiu domo estis ampleksa kaj ekster la pordo estis verdaj paperoj gluitaj sur la muro kun vorto "Eniru" kaj signo de glavpinto por oportune serĉi kunvenejon. Partoprenis la kunvenon kelkdek samideanoj, plejparte la gejunuloj. Eltunko kaj Laŭlum prelegis sinsekve multe pri Esperanto. Sekve parolis iuj ĉeestantoj. Poste ni faris aliajn amuzojn

kaj finiĝis la kunveno en ĝoja kantsono de "La Espero".

Post fondiĝo de la ligo komenciĝis disvolviĝaj laboroj. La ligo ne havis propran konstantan kunvenejon kaj oni aktivadis ordinare en la loĝejo, kie loĝis Eltunko kaj Laŭlum. Por propagandi Esperanton multaj membroj ĉeestis E-ekspozicion en la Kristana Junularo-Ligo situanta en la vojo Chunxilu. Post ekspozicio stariĝis E-kurso kaj la kursanoj plejparte estis vizitantoj al la ekspozicio. Laŭlum gvidis E-kurson tie kaj donis lecionojn per lernolibro kompilita de li mem. Unu el la kursanoj estis Yang Qiuzhen (Yang Fuchen), kiu poste viktimiĝis en Shi 'erqiao. La kursanoj lernis Esperanton senpage krom la elspezo de instruaj materialoj. Pro lia bona instruado kaj disvastigo de Esperanto ne malmultaj kursanoj aliĝis al la ligo kiel membroj. Poste E-kurso kontinue aperis en socio aŭ lernejo. Antaŭ E-kurso ordinare okazis E-ekspozicio kaj post finiĝo de E-kurso plimultiĝis samideanoj, kiuj aliĝis al nia ligo. Ampleksa E-ekspozicio okazis en tri haloj de Arta Asocio en Chengdu. La E-ekspozicio tre sukcesis kaj vizitis ĝin kelkcent homoj.

En nia ligo Eltunko kaj Laŭlum ĉefe funkciis pri grava laboro kaj ankaŭ faris bagatelojn kune kun membroj. Ili kompilis periodaĵon aŭ instruajn materialojn tiel: de la kolektado de materialoj, gravurado de stencilo, mimeografado ĝis la bindado tra la laboro persone. Ili fervore helpis al membroj por korespondi kun fremdlandaj amikoj. Por okazigi kunvenon ili ankaŭ faris multe da laboroj. Entute ili faris pli multe ol aliaj membroj.

Eltunko okupiĝis pri E-movado kaj movado por demokratio kaj pri kompilado por felietono de lingvo apartenanta al ĵurnalo Kaibao (rapida novaĵo). Li estis altnivela esperantisto kaj parolis en Esperanto tre flue. Li iam donis lecionon al ni pri gramatikaj demandoj kaj aliaj. Li ankaŭ gvidis E-kurson en malsamaj lernejoj, eĉ en universitato laŭ konkreta kondiĉo por batalo tiutempe. Evidenteco en amo kaj malamo estis lia karakterizo, kiu ofte esprimiĝis sur lia pala maldika vizaĝo. Iudimanĉe okazis subite ĝenaĵo en mia kurso, kiam mi donis E-lecionon. Iu reakcia oficiro tirane malhelpis lerni Esperanton al 3 kursanoj, kiuj estis lernantoj de Centra Oficiro-Lernejo. Mi kontestis lin sed vane. Kiam li ankoraŭ brutale parolis, venis Eltunko kaj serioze demandis lin kun severa vizaĝo: "Kiu vi estas? Por kio vi venas?" Aŭdinte tion, la oficiro tuj haltigis sian parolon kaj senfiere elprenis ateston el sia poŝo al Eltunko kaj esprimis, ke la trio estis iliaj lernantoj kaj nepermesitaj por lerni en la socio. Konsentinte pri tio Eltunko resendis lian ateston kaj la oficiro silente foriris kun siaj lernantoj, kaj la furioza fiero jam malaperis. Eltunko helpemis samideanojn. Iufoje li helpis min respondi certan kvanton da korespondantoj, kiam li vidis min sensereniĝa fronte al multaj leteroj el fremdaj landoj. Pri tio ĝis nun mi ne forgesis lian helpon senegoisman. Eltunko laboris serioze kaj respondeme. Dum li laboris sentime malgraŭ danĝero. Kiam la nigra nubo vualis super la urbo, Eltunko ankoraŭ gvidis E-kurson en la Sicnuan-a Universitato. Li persiste donis lecionon tie, kvankam vagis senĉese la spionoj ekster la fenestroj de la E-kursejo.

Ni havis nedifinitan kunvenejon, iam en iu lernejo kaj iam en alia lernejo, kaj tie ni povis koni pli multajn samideanojn. En kunveno aŭ en alia okazo ni ofte renkontis jenajn kamaradojn, kiuj ofte ĉeestis la agadon. Ili estis krom menciitaj kamaradoj: Xiang Quanshen, Yang Yukun, Zhang Huizhi, Chen Qianxi, Gao Tongjin, He Junqi, Luo Fuo, Liao Souwei ktp. Kaj k-do Liu Hongkang kaj Lu Jiano, veteranoj en la 30aj jaroj, ne ofte ĉeestis la kunvenon okazantan en publika loko. Eltunko kaj Laŭlum prezidis diversajn kunvenojn kaj faris multajn laborojn por Esperanto tute senrekompence, sed ili havis neniun fiksan laboron. Post fondiĝo de la ligo, mi proponis al ili lui poŝtkeston por facile korespondi, ĉar mi procedis pri Kesto-afero en poŝtoficejo kaj utilis al ni por tion fari. Post interkonsentiĝo mi faris luadon kaj elektis numeron 77, kiu signifas julion, la 7an monaton, en kiu de 1887 naskiĝis Esperanto. Ili prenis persone leterojn el la kesto. Pro tio, ke multaj samideanoj korespondis kun fremdlandaj amikoj, la kesto ofte estis plena de leteroj.

Por propagandi Esperanton nia ligo aplikis Chengdu-an Radio-Stacion pere de ĝia voksigno XGOG por disaŭdigi voĉon en Esperanto. Unuafoje ni havis sukceson. En Radiostacio situanta en la strato Yongxingxiang oni disaŭdigis verdajn voĉojn "Plugu Gefratoj", "Verdstela Insigno" kaj en radio aperis tre sonora voĉo, precipe tiu de Eltunko. En loĝejo de Yang Yukun estis ĉe la aŭskultado de radio pli ol 20 kamaradoj, kiuj ne prezentis la programojn en radiostacio. Tiutempe la politiko en tiu ĉi loko estis relative prudenta al progresaj societoj, kaj la estro de la provinco estis s-ro Deng Xihou, la demokrata registara oficisto. Eltunko gratulis Deng Xihou per letero en la nomo Yuan Dongke, la respondeculo de Chengdu-a Esperanto-Ligo, kiam Deng enoficiĝis kiel estro de la provinco. Tamen pro la influo de la dissendo tra la tuta socio, la koncerna informa fako de la reakcia registaro maltrankviliĝis. Tial poste, kiam nia ligo refoje petis dissendi E-programon, la Radiostacio milde rifuzis.

Iufoje okazis Amikeca Renkontiĝo de Profesia Junularo el esperantistoj kaj ne-esperantistoj en privata loĝdomego en la strato Shizixiang. Partoprenis la kunvenon kelkdek gejunuloj tie. Unue parolis Esperante Eltunko kaj tradukis ĝin Laŭlum. Li gratulis al la vizitantoj kaj parolis pri Esperanto, E-movado kaj movado por demokratio, kiu stimulis grandan fervoron al la ĉeestantoj. Sekve ĉiuj kantis la kanton "La Espero" kaj progresajn kantojn, ĝis la kunveno finiĝis. Poste iuj el la profesiaj junuloj prezentis kantojn kaj dancojn pri progresaj verkoj en eta teatro en la strato Taipingjie. Sed tio atentigis tiaman instancon kaj baldaŭ iuj estis persekutitaj, unu el ili estis kolegino laboranta en poŝtoficejo kaj sub la preteksto estis translokita al la fora loko en nord-okcidenta provinco.

Eksplodis la interna milito kaj iom post iom streĉiĝis la politika atmosfero. Eltunko decidis sola lui alian keston 115 por eviti danĝeron, ĉar li faris kompiladon kaj eldonon de mimeografa periodaĵo "Ĵurnalisto" kaj Liao Suowei karikaturis. Eltunko serioze malkaŝis

la mallumon de reakcia registaro, precipe la kruelaĵon en Taiwan, kiun faris Chen Yi kaj ankaŭ moknomis Chiang Kaiserk (Jiang Jieshi) kiel Ĉan' kaj Ĉerk' por esprimi sian abomenon.

Iutempe post progresa tajdo Zhang Zai, Zhang Huizhi, Yang Yukun kaj aliaj estis arestitaj, kiuj plej multe laboris aŭ loĝis en la strato Citangjie; tiutempe en la strato Citangjie estis multaj librejoj, tial oni nomis ĝin kultura strato. Kaj ankaŭ oni nomis ĝin progresa strato, ĉar en tiu ĉi strato situis Xinhua Ĵurnalo kaj multaj progresintoj ofte vizitis la lokon. Tial spionoj senĉese vagis tie por gvatsekvi tiujn, kiujn la spionoj suspektis. Samkiel en aliaj lokoj, en poŝtoficejo la sekreta agento ankaŭ atentis la keston 77 kaj pere de nia gvidanto demandis min pri la kesto. Nature mi povis klarigi al li sentime, ĉar la kesto estis publika en luata procedo. Tamen post tio, mi tuj iris al la loĝejo de Eltunko kaj Laŭlum en la strato Xifunanjie kaj atentigis ilin. Ili diris nenion alian ol "kvietecon".

Post tio Eltunko foriris de la urbo al la gubernio Ya'an kaj Leshan, kaj Laŭlum translokiĝis al alia loko. Post kelkaj monatoj Eltunko nerimarkite revenis. Iutage li vizitis min en poŝtoficejo kaj diris al mi, ke li jam ŝanĝis sian nomon Yan Zhongwen kaj loĝis provizore en etaĝĉambreto de butiko luanta gaslampojn situanta en la strato Gulounanjie. Li avertis, ke ne restu ĉe la butiko, kiam mi iros tien. Poste mi iris tien plurfojojn kaj renkontiĝis kun malmultaj samideanoj. Iu-posttagmeze mi legis Xinmin Vesper-Ĵurnalon; surprize mi trovis malbonan novaĵon, ke Eltunko kaj Yang Qiuzhen estis arestitaj sub la krimo de endaĝeriga agado. Sekve la sekreta agento konsultis al mi pere de mia gvidanto la petskribon de Eltunko por lui la keston. Feliĉe la petskribon mi jam neniigis, tuj post kiam mi sciis pri la aresto, ĉar sur la petskribo estis nomo kaj oficejo de garantianto, kvankam tiu ja estos apokrifita, tamen tiu, kiu procedis la laboron por ekzameni kaj konfirmi, estis fakta. Tiel mi mensogis, ke mi perdis ĝin pro mia neglektado. Estis nature neevitable, ke mi ricevis seriozan riproĉon. Tiutempe mi malfacile vizitis niajn kamaradojn, precipe Laŭlum, poste mi sciis, ke li sin kaŝis en urbetoj ĝis antaŭvespero de liberigo de Chengdu. Pli poste k-ro Yang Yunpei vizitis min dirante la detalon pri Eltunko kaj menciis, ke iu volis savi Eltunkon el karcero, tamen ne sciante kion fari.

Antaŭ la tagiĝo, la unuan de decembro 1949, okazis profunde dolora evento, ke Eltunko, Yang Qiuzhen kaj aliaj revoluciuloj estis mortigitaj de la reakcia registaro en Shi'erqiao antaŭurbe de Chengdu. Domaĝe estis, ke ili ne vidis persone la alvenon de la liberigo, kvankam la venko de la revolucio estis okazonta post 20 tagoj. Tamen ilia batalspirito al la movado por Esperanto kaj por demokratio ĉiam restas en nia koro.

*(Sabeo Ful 42 Zoumajie, 610021 Chengdu, 6BR, Ĉinio)*

## 3.3 Esperanto-movado en Sudorienta Azio

### 3.3.1 Filipinoj

En 1968 unu el la manilaj radio-stacioj elsendis kvaronhoran programon en Esperanto dufoje semajne. Okazis ankaŭ kurso de Esperanto en Zaragoza Kolegio. Tiam vivis je 100 aŭ 200 kilometrojn norde de Manilo virino, kiu tre bone kaj flue parolis Esperanton. Tamen ŝi ne estis la unua esperantisto en Filipinoj. Jam antaŭ la Unua Mondmilito, ekzistis esperantistoj. En 1911 aperis esperantlingva libro en Filipinoj (Eĥo el Manila).

*(laŭ la informo de s-ro Claud Piron)*

### 3.3.2 Tajlando

Antaŭ 20 jaroj Pastro Marcel Perray ricevis leteron de iu nederlandano. Tiu nederlandano skribis, ke antaŭ la Dua Mondmilito, li laboris en Indonezio kaj vojaĝis al Bankoko. En Bankoko li renkontis viglan grupon de esperantistoj.

En lernolibro eldonita ĉirkaŭ 1950, estis adreso de "Tajlanda Esperanto-Informejo", sed neniu respondis al letero skribita de Pastro Perray. Inter 1970 kaj 1980, Pastro Perray klopodis instrui Esperanton al infanoj kaj gejunuloj. La infanoj lernis rapide sed ne daŭrigis la lernadon, ĉar iliaj gepatroj ne permesis. Same, la gejunuloj ne daŭrigis la lernadon, ĉar ili aŭdis, ke Esperanto estas lingvo de komunistaj landoj, do suspektinda.

Poste kelkaj personoj petis informojn de UEA kaj ili ricevis la adreson de Pastro Perray. Li sukcesis instrui al ili, precipe s-ro Pho, kiu ĝis nun restas aktiva esperantisto. Alia esperantisto, kiu fondis Tajlandan Esperanto-Instituton en 1981, estis s-ro Kulemekin, forpasinta en 1986.

Poste artikoloj en diversaj ĵurnaloj vekis intereson pri Esperanto. Preskaŭ 50 petis informojn pri la movado en Tajlando. 20 personoj eklernis la lingvon inter kiuj 5 bone parolis ĝin.

En 1989 s-ro Joachim Werdin venis al Tajlando. Li venis tien la duan fojon en 1990. Entute li instruis al prok. 50 personoj kaj Esperanto-Klubo estis fondita. Sed iom post iom, la membroj ne povis kunveni parte pro la terura trafikŝtopiĝo en Bankoko. Restas nur kelkaj, kiuj deziras plu lerni.

Pastro Perray komencis verki malgrandan Taja-Esperantan Vortaron. Li ankaŭ komencas korespondan kurson por homoj, kiuj ne povas ĉeesti kurson.

Pastro Perray paŝon post paŝo laboras por diskonigi Esperanton en Tajlando kaj laŭ li, la afero iom post iom progresas.

### *3.3.3 Malajzio — Singapuro (Malajlando)*

Malajzio kaj Singapuro estis unu lando antaŭ 1965. Antaŭ 1963, Malajzio estis konita kiel Malajlando (Malaya) sed la nomo estis ŝanĝita al Malajzio en 1963. En 1965, Malajzio kaj Singapuro disiĝis.

En 1927 d-ro Huang Ĉun-Sen, pioniro de ĉina Esperanto-movado starigis iun Esperanto-Instituton kun s-roj Ĉai Juan Pei, U Ja-Hui kaj Sen Guo-Cen.

Post kelkaj monatoj, d-ro Huang vojaĝis al Singapuro kaj Malajlando por kolekti monon por tiu Esperanto-Instituto kaj disvastigi Esperanton en Malajlando. Pro tio, Esperanto rapide disvastiĝis en Singapuro kaj kelkaj najbaraj insuloj antaŭ la Dua Mondmilito. La pioniroj de Esperanto estis i.a. Hu Ju Cz kaj Guo Hou Ĵie.

En 1941 s-ro Hu Ju Cz iĝis ĉefredaktoro de Nanjang Siang Pao kaj li publikigis la revuon "Verda Stelo".

Sed s-roj Hu Ju Cz, Guo Hou Ĵie kaj kelkaj aliaj eskapis al insulo Sumatro je unu tago antaŭ la forfalo de Singapuro.

En 1944 s-ro Guo Hou Ĵie estis arestita de la japana armeo kaj li estis severe torturita. Fine li mortis en malliberejo en Sumatro en majo 1944.

En 1945 HOU ĴIE PUBLIKA LERNEJO estis starigita memore al s-ro Guo. Sub la gvidado de s-roj Ĉen Ju Su, Uan Su Jang kaj aliaj, Esperanto estis instruata en la lernejo.

En aŭgusto la Singapura Esperanto-Komitato estis fondita kaj en septembro, s-ro Lu Mei gvidis Esperanto-kurson kie lernis 10 personoj. Dume, en Kuala Lumpur, la ĉefurbo de Malajlando, ĉina amaskomunikilo komencis publikigi artikolojn diskonigantajn Esperanton. En decembro, HJPL organizis renkontiĝon por festi la naskiĝtagon de Zamenhof. HJPL ankaŭ komencis korespondan kurson.

En 1949, s-ro Uan Su Jang estis retenita en koncentrejo en Sankta Johana Insulo. Tie li kaj kelkaj aliaj komencis Esperanto-instruadon.

En 1947 s-ro Hu Ju Cz revenis al Singapuro kaj komencis plibonigi la ĵurnalon Nanjang Siang Pao. Li aktive partoprenis en la Esperanto-movado kaj estis invitita prelegi en HJPL. Li kontribuis multe al la kreskiĝo de Esperanto en Singapuro.

Pro interparolo kun s-ro Liao Hongi, kuzo de la nuna vicprezidanto de Singapura Esperanto-Asocio, s-ro Goh Chok Kun, oni akiris pli da informoj pri la historio de Esperanto en Singapuro kaj Malajzio.

S-ro Goh Kah Bin, onklo de s-ro Goh Chok Kun, estis studento de HJPL. Li lernis Esperanton tute sola. Li estis neriĉa homo sed havis tre altan kulturan nivelon. Li loĝis en Melaka, iu ŝtato en Malajzio.

Li iĝis tre entuziasma kaj fervora esperantisto kaj influis siajn genevojn lerni Esperanton. Du el ili estas s-ro Gho Chok Kun kaj f-ino Goh Ching Lee.

### *3.3.4 Malajzio*

S-ro Goh Kah Bin estis unu el la fruaj esperantistoj en Malajzio. Li korespondis kun s-ro Claude Piron, kiu ankaŭ renkontis lin. Li estis, en 1977, verkanta Malaja-Esperantan Vortaron. Bedaŭrinde ke li forpasis en 1977 kaj ĝis nun mi ne scias, kio okazas al tiuj paperoj. Laŭ s-ro Piron, tiu verkado alproksimiĝis al la fino.

Alia persono, kiu mem lernis Esperanton, estas s-ro Raja Zainal Abidin Zahid. Li estis en Roterdamo pro sia laboro en Ministerio pri Loĝado. En 1981 li estis en Roterdamo pro sia kurso kaj ĉiutage, li preterpasis la domon de UEA. Li iĝis scivolema kaj en iu tago li eniris la domon por ekscii pli. Tiam s-ro Simo Milojeviĉ estis redaktoro de la revuo "esperanto" kaj Simo donis al s-ro Zainal informojn pri Esperanto kaj tiel li iĝis esperantisto. Li memstudis la lingvon.

En 1989, venis pola esperantisto, s-ro Joachim Werdin, al Kuala Lumpur, Malajzio por instrui Esperanton. Li donis senpagan kurson kaj komencis instrui en aprilo 1989 al proksimume 30 personoj. Ekzistis du grupoj da lernintoj. En la unua grupo, lernis prok. 30 personoj kaj en la dua grupo lernis 8 personoj. La dua grupo ekestis du semajnojn post la unua grupo.

Li revenis denove en novembro 1989 por instrui. Tiam eklernis prok. 15 personoj.

Unu el niaj membroj vojaĝis al Pollando por pli profundigi la lingvan konon. Ŝi estis for de Malajzio dum tri monatoj de decembro 1989 ĝis marto 1990. Post la reveno hejmen, ŝi komencis kurson por komencantoj en hotelo. Poste ŝi instruis en Bahaa Centro, ĉar ne estis facile trovi senpagan ejon. Lernis prok. 10 personoj sed kiam oni forvendis la centron, ŝi ne sukcesis trovi alian senpagan ejon. Krome ŝi ankaŭ komencis korespondan kurson por homoj, kiuj loĝas ekster Kuala Lumpur.

Kvankam la asocio, Malajzia Esperanto-Asocio estis fondita en majo 1989, ĝi estas ankoraŭ ne registrita pro burokrata kialo. La malaja lingvo estas la nacia lingvo de Malajzio kaj oni estas suspektema pri aliaj lingvoj.

Ni publikigis nian bultenon "Esperantistoj el Kualalumpur" sed post la foresto de nia membro dum ses monatoj, neniu transprenis la taskon. Krome la membroj ne plu kunvenas, ĉar ne eblas trovi senpagan kunvenejon. La membraro estas tro malgranda por povi lui ejon. Malgraŭ tiuj faktoroj, la fojaj vizitoj de gastoj ebligas al la membroj kunveni ie por praktiki la lingvon kaj interŝanĝi ideojn k.s.

Nun, ekzistas kelkaj unuopuloj en kelkaj ŝtatoj kaj en Kuala Lumpur mem; estas malpli ol dek esperantistoj. Estas grupo de diversaj rasoj kaj religioj, ĉar loĝas en Malajzio diversaj homoj kun diversaj religioj.

### *3.3.5 Singapuro*

En 1982/83, s-ro Liao Hongi, kuzo de s-ro Goh Chok Kun, la unua vicprezidanto de la Esperanto-Asocio (Singapuro) publikigis en loka ĵurnalo kaj li komencis korespondan kurson kaj lernis 16 personoj.

En majo 1989, s-ro Joachim Werdin venis al Singapuro post sia restado en Malajzio, por disvastigi kaj instrui la lingvon. Li instruis trifoje tage en Bahaa Centro. Lernis priksimume 50 - 60 personoj po klaso. En la sekvinta jaro, s-ro Werdin denove venis al Singapuro por instrui al lernemuloj.

La asocio, Esperanto-Asocio (Singapuro) estis oficialigita en 1990. Nun ĝi povas agi laŭleĝe.

Ĝia unua prezidantino, f-ino Lee Kim Kiew, forlasis Singapuron en la fino de 1990 por eklabori en Makao. En Makao ŝi instruis al kelkaj makaanoj Esperanton.

En 1991, la asocio komencis publikigi bultenon "Esperanto en Singapuro" kaj tiu bulteno estas bele kaj profesie farita. La redaktoro de ĝi estas s-ro Barry Crown, anglo laboranta en Nacia Universitato d: Singapuro.

La membroj kunvenas ĉiusabate en nacia biblioteko, kiu disponigas lokon por Esperantaj libroj, bultenoj kaj aliaj Esperantaĵoj. Tio estas granda atingo por la movado en Singapuro . Proksimume 15 membroj regule kunvenas.

## *4. Kontribuoj*

Post la raporto en n-ro 11, ĝis la 30a de julio 1993 jenaj 16 japanaj esperantistoj kaj 2 E-organizoj kontribuis por la azia movado sume 23 stelojn: AIDA Jajoi, Esperanto-Rondo de Aŝija, HURUKAŬA Masako, IŜIKAŬA Ĉieko, IZUMI Jorimiĉi, JAMAMOTO Ŝintaroo, KAI Kooiĉi, KAZAWA Kinuko, KOJAMA Takeŝi, NAKACU Masanori, NAKAHIRA Koozoo, NIŜIDA Micunori, SAITOO Tomoko, SAKUDA Mieko, TADAIŜI Ĉizuko, TAKEUĈI Tomiko, TOJODA Motoki, Tookai Esperanto-Ligo. Ni kore dankas al ili.

Se vi volas helpi al la azia movado, japanoj sendu ofermonon al Japana Esperanto-Instituto (unu kvoto estas 2000 enoj), koreoj al Korea Esperanto-Asocio (unu kvoto estas 10,000 ŭonoj) kaj aliaj al UEA (unu kvoto estas unu stelo), indikante pri "aziaj projektoj".

***•parolas la redaktantoj:*** Estas tre feliĉe ke ni povis kalkuli dekduon da numeroj. Kaj estas plie feliĉe, ke ĉiun numeron la legantoj atendas kun varma koro. Estas strange, ke mankas en ĉiu numero raportoj de Esperanto-movado en Japanio kaj Koreujo, kies movado estas relative vigla. Ni atendas multe da raporto el gvidaj grupoj en la du landoj.